# PENSEO

N-ro 278

dec. / 2014

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 25-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### hundo-studento

hundo vaganta ofte iras en klasĉambron.
tie li preferas sekvi anglalingvon kaj
probablon.
la evento disvastiĝas danke al la fola reto;
lin faman volas tuj edzigi ne nur mojosa areto.

2012.11. 2 - 8

### serĉo de la formo

ekster la fenestro tamburoj eksonas.
miaj oreloj ĉe la lakto hieraŭa dronas.
infanoj nun surstrate marŝas en lerneja
uniformo.
ĉu iu panjo mian formon inter ili konas?



2012.11. 2 - 6

### semajnofino

ĉe sojlo kato kun muso ludas.
hundeto kalkulas muŝojn fore.
mi skajpas kun blindulo pri beleco modelina,
demonstrante tuŝosenton de paralizulo fole.



2012.11. 3 - 17

### revenis mi al la lernejo

revenis mi al la lernejo
kaj trovis la lokon kie sidis juna mi kvar
jarojn.
sur la podio en la ĉambro nun malplena,
mi volis al mi mem demonstri de mi iritan
vojaron.

2012.11. 4 - 36

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Malgranda arbo

Ĝi estis malgranda arbo, kvazaŭ arbusto, sed ĝi kapablis flugi tiam, kiam ĝi pensis pri flugiloj. Birdoj konfidis al ĝi la sekretojn alportitajn de vento.
La arbeto ĝuis la sunradiojn kun dolĉeco, kaj la branĉoj tuj teksis ombron por protekti infanojn kaj hundojn ludantajn sur la placo.
Ĝi ankaŭ trinkis lunlumojn en kalikoj, kiujn la nokto servis dum solecaj festoj plenaj de silentaj steloj.
Unu tagon ĝi malkovris la malfortikecon de sia trunko; la ŝelo maldensiĝis pli kaj pli kaj ĝi sentis timon. Do ĝi fermis la okulojn; kaj la eta aglo ekflugis.



Juiz de Fora, 08/09/2014.

# Scenaro

La matena piedirado sur la placo apud la apartamentaro tie, kie mi loĝas ŝajnas aparteni al la scenejo de filmo, kiu ŝanĝiĝas ĉiumomente. Kaj pli kaj pli mi permesas al mi tian apartenon.
La dolĉa odoro de ananaso ĉe foireto miksiĝas kun la silento de l' arboj, kiuj brakumas la bruegon de birdaro.
Sub la ombro de kiosko, viro vendas kokosan akvon kaj la impreson de ferioj ĉe marbordo.
Infanoj ludas kun hundoj, kiuj gaje kuras freneze; homoj marŝas haste (iuj kuras) kaj ili ne rimarkas la intensan bluon de la printempa mateno.
Je ĉiu paŝo, mia rigardo eltranĉas novan emocion. Hodiaŭ kortuŝis min la sceno de juna patro serioze nutranta per suĉbotelo la malsatan bebon.
Tamen nenio estas pli emocia ol la hundo trenanta radetojn ligitajn al ĝiaj malantaŭaj kruroj sub la atenta zorgo de la mastrino.



Juiz de Fora, 23/09/2014.

# Erozio

Malpermesi, ke vent' blovu
sur l' ostaron de la roko?
Provas vane la poeto
semante malnovajn revojn
en fendojn kiujn printemp'
ja insistas revivigi.

Juiz de Fora, 15/09/2014.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



# Transviva sono

Pensklarigan, kantsimilan sonon
Orelkonko kaptis facilpove.
Muziknotoj kreis sin sinmove.
Ĉu ellasis la Transviv' fantomon?

Kion ĝi, per kant', intencas montri?
Tion ĉi mi malkapablas sondi.
Ĉu respondon al problemo donos?
Ĉu deĉifro ankaŭ same sonos?

Aŭdsentumo sentas ion malsimilan,
Ion plian ol adiaŭdiran.
Ne komprenos la timpan' eĉ se ĝi sangus.

Se deĉifr' almenaŭ nun ne mankus,
Plasmfarita spektro povus alparoli.
Ĉu vi aŭdas kantsimile plu sonori?

# La temo

Se hodiaŭ vi verkas pri Twitter,
Sciu, ke morgaŭ neniu komprenos vin.
Nov' naskiĝas, nov' iĝas jam antikva
Kaj malaperas de sur kontinentoj kvin.

Virtuale vivante, vi volas
La vizaĝon alŝuti al Facebook.
Vane la bildo pentriĝas surekrane:
Bit' vin ne savos, vin vindos mortotuk'.

Ĉu, pri mp3, paroli? Ĉu pri pdf?
Venontaj formatoj ilin priridos fiere:
Fruaĝaj malkovroj, teknologi-ABC!

Do, pri provizoraj aĵoj, statu malklere
La vers' arton intencanta per ĉi ambici':
Anima nuanc' eniru poemojn de ni.

## Siv Burell (Svedujo)



### Aceraj folioj ŝanĝis koloron

Aceraj folioj ĵus ŝanĝis koloron,
ricevis aspekton kiel ruĝan oron.
Mirindan sperton donis al ni
malgraŭ la scio ke la vintro venos
kun malvarmaj ventoj, kiuj nin ĝenos.

Ĉu similas la vivo de homo
al la naturo, kie ĉiu atomo
vivas, sed ŝanĝas laŭ la sezono?
Sed kiam por homoj estas tempo ora?
Je la aĝo de 50 aŭ eĉ pli fora?

Folioj kaj homoj fariĝos tero.
Kelkaj egaligas tion al dorrmo aŭ infero.
Aliaj pensas ke animoj foriras
al ĝuindaj lokoj, sed mi miras,
ke kelkaj nur imagas unu vivon.

Ĉiuj vivas sed transiras
al alia form', alia norm'.
Eterna estas vivo,
sen komenco, sen fino.
Prizorgas nin dio aŭ diino!



Ilustraĵo de la aŭtorino

## Carlos Matari

### Pluvas

Pluvas
La trotuaroj malsekaj estas
Neniu spuro sur ili restas
La pluvo nian sekreton tenas.

Pluvas
ĉe la fenestro mi vin sopiras
la tagoj fremdas kaj min korŝiras
malvarma tempo brakumas min

La pluvo falas sur la tegmentojn
Kie sidis ni intime
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Pluvas
kaj ĉiuj vortoj fariĝas nulo
dum en la noktoj min hantas dubo
pri la destino de tiuj kisoj

Pluvas
Silento ŝvebas en la kvartalo
La suno strebas tra nubo-baro
Por plensekigo de trotuaro
Por plensekigo de la tegmento
Kie sidis ni intime,
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Sur la tegmentoj kie sidis ni intime,
Kaj endormiĝis sen duboj, sentime,
Sine de aŭror'.

Ĉi-hore la trinkejoj ne deĵoras
Sur min la pluvo serene ploras
Ĉar vi estas for
sen vi mi sentas ke mi senkuraĝas
Kaj la vundoj min damaĝas
Se mi ne plu aŭdas vin

Se mi ne plu aŭdas vin

*Esperantigis*



## Svena Dun (Hispanujo)

# Samkiel blanka papero

(Kanzono en la persa lingvo)



*Kantistino: Shohreh Agshdashloo*

Mia vivo estis pura kaj netuŝita samkiel pura,
blanka papero
kaj grandan linion de mia sorto tuŝis neniu, ĝis
vi alvenis kaj plibeligis mian simplan vivon
vi montris amon al mi kaj desegnis ĝin por mi
samkiel tiuj nefinitaj kanzonoj kiujn ni kutimis kanti dum nia infanecon, sed al ili mankis muziko,
ankaŭ al mia vivo mankis koloro
vi aperis kaj plibeligis mian simplan vivon
vi montris al mi la amon kaj vi pentris ĝin por
mi
nun la mondo fariĝis tre bela por mi
en via rigardo videblas tute alia mondo
viaj okuloj samkiel du lumfontoj
estas spegulo de lumoplena morgaŭo
mia koro estis soleca kabano
kaj ĝia aŭroro pli nigris ol la nigra nokto
vi ekbrilis kaj varmigis ĝin
vi enamigis kaj moligis ĝin
vi beligis mian vivon
vi pentris mian vivon!...

*Esperantigis*



## Mori (Usono)

## Vinícius de Moraes

# Sambo en preludo

Vivo sen vi
ne sencas por mi.
‘Stas vi la motiv’
de mia sentiv’.

Jam nia ĝarden'
ne floras ĉar sen
vi malestas lum’,
kaj mankas parfum'.

Sen vi jen mi
en ĉi sendirekt'.
Sen varm’ de pasi',

ide' sen projekt',
rigard' sen persvard',
ĉi tristokultiv'...
Sen vi por mi ne plu pulsas kor’, kaj viv'.

Ne tardu, venu.
Vi komprenu ke ankoraŭ brilas vivflamo.
De nun la amo,
la inspir' estu sur nia voj',
resopir' donu lokon al ĝoj'.

Ne plu ĉi solaj,
ĉi senrolaj ni iru, sufiĉu da driv’.
Ke venu amo!
sen vi por mi ne plu pulsas kor’, kaj viv'

*esperantigis*



## Ŭel Roŝa (Brazilo)

## Tamara Danz (1952-1996)



# Jen kant' por la homoj

(kantteksto)

Jen kant' por la homoj, por vi kaj por mi.
Jen kanto por multaj, kiuj fidas je si.
Al tiuj do kant', kiuj venos post ni.
Jen kanto por ĉiu kun vivfantazi'.
Jen kanto' por l' esper de graveda jam in'.
Jen kanto' por la idoj fidantaj nin.
Jen kanto al ĉiu hom' sen defend' .
Jen kant' por kolomboj blankaj en vent'.

Vivi, nur simple vivi...
Vi, vivemul', helpu nin.
Vivi, en paco vivi...
Por ĉiuj revoj,
revoj liberaj kaj sen lim'.

Jen kanto por tiuj, kiuj dormas laŭ ŝaf'.
Jen kanto ĝenanta ilin kun brav'.
Jen kanto por la blinda naiva pajac'.
Jen kanto por ĉiuj sen vort', sen aŭdac'.
Jen kanto por la sklavoj de l' mon', de l' potenc'.
Jen kanto por la dubo, por kor-konsekvenc'.
Jen kanto, ke ribeloj ne mortu pro mank'.
Kaj kanto pro verŝiĝojj de tiom da sang'.

Jen kant' por la nova, pacoplena tutmond'
Jen kant' por l' laboro, la vivtena font'.
Jen kanto por sopiro batanta en kor'.
Jen kanto por Tero, por ties favor'.

Jen kant' por la homoj, por vi kaj por mi.
Jen kanto por multaj, kiuj fidas je si.
Al tiuj do kant', kiuj venos post ni.
Jen kanto por ĉiu kun vivfantazi'.

Vivi, nur simple vivi...
Vi, vivemul', helpu nin.
Vivi, en paco vivi...
Por ĉiuj revoj,
revoj liberaj kaj sen lim'.

Vivi, nur simple vivi...
Vi, vivemul', helpu nin.
Vivi, en paco vivi...
Por ĉiuj revoj,
revoj liberaj kaj sen lim'.

*Esperantigis*



## Cezar (Germanujo)

## Oskar de Lubiĉ-Miloŝ*

# Kaleŝo staranta ĉe nokto

Atendante
Je l'ŝlosiloj
– li serĉadas ilin certe inter vestoj
De Theklo mortinta antaŭ tridek jaroj –
Vi aŭdu, Sinjorino, al malnova al obtuza flustro nokta
De l'aleo…
Tiom malgrandan, malfortan, knabinetan
dufolde envolvitan en mantelon mian
Portos mi vin tra la rubusujoj tra la urtikejoj de l'ruinaĵoj ĝis la alta nigra pordo
De l'kastelo.
Tiel la praavo en iamo venis hejmen ree de
Verĉelli
Kun la mortintino.
Kia domo muta, malfidema, malhelega
Por infanino mia!
Tion vi ja scias jam, Sinjorino, tristas la
rakonto.
Ili ĉiuj dormas dissemitaj en la foraj landoj.
Iliaj post cent jaroj lokoj atendas
Meze la monteton.
Per mi ilia idar' estigingâs.

Ho vi reĝino ĉiruinaĵa!
Ni vidontas la belan dormoĉambron de
l’infanaĝ’: tie
La supernatura profundec’ de l’silent’
Estas la voĉ’ de l’malhelaj portretoj.
Kuntirita sur mia lit’ dum nokt’
Mi aŭdadis, kiel en kavo de armaĵo
Mez’ la bruon de l’dipeciĝanta glacio
malfrostanta post la muroj
Ilian koron bati.
Al infan’ timema, kiom patruj’ sovaĝas!
Estingiĝas lantern’, luno forvualiĝas,
La turstrigo al idaron en veprejo vokas.
La ŝlosilojn atendante
Vi dormu iom, Sinjorin’. – Dormu,
kompatinda etul’ dormu
Palega, kun la kapo sur mia ŝultro.
Vi ja vidos kiom l’sopirstreĉa arbar’
Belas dum maldormoj la juniaj,
Ornamita per florkronoj, infanino mia ! kiel la
filino preferata
De l’reĝino freneza.
Vi envolvu vin en mian vojaĝosurtuton:
La granda aŭtuna neĝ’ sur viaj vangoj fandiĝas
Kaj dormemas vi.
Por infanin’ timema tiom nigra domo!
….
Fundfunde, fundfunde de l’Litova lando.
Ne, ne sinjorino, nenion aŭdas mi.
….
Ĉiuj servistoj mortis
Kaj mi la memoron perdis.
Por infano fida tiom nigra domo!
Nur pri l’forcejo
De l’prapraavo, kaj teatro, mi memoras.
Orelstrigidoj tie manĝis en mia mano
La lun’ alrigardis tra l’jasmeno;
Is la tempo.
Paŝobruon mi aŭdas de l’fund’ de l’aleo.
Ombraĵon. Jen as Vitold’ kun l’ŝlosilo.

** O. V. de L. Milosz (Litove: Oskaras Milašius) (naskiĝinta la 28-an de majo 1877 en la Rusia imperio, pli precize en Belorusio, en teritorio de estinta Granddukejo de Litovio, mortis en Francio en 1939), estas franclingva poeto. Li devenas de nobela familio. Nevo lia estas pola verkisto Czesław Miłosz. Li alvenis en Parizo 11-aĝe, studis, kaj plu vivis tie. Li fariĝis frue poeto, en la franca lingvo, komence en ia elegia stilo, fine al mistikaj tendencoj.*

*Esperantigis*



**Roland Platteau (Francujo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

### ĈAPITRO UNUA

## Feliĉa vagado en absoluta libero

§01-01

En la Norda Maro troviĝas fiŝo nomata *kun*-o, kiu estas granda je oni ne scias kiom da miloj da lioj. La fiŝo metamorfoziĝas en birdon nomatan *peng*-o, kies dorso estas larĝa je oni ne scias kiom da miloj da lioj. Kiam ĝi ekleviĝas kaj flugas, ĝiaj flugiloj mallumige kovras la ĉielon kvazaŭ nuboj. Kiam la vento ekblovas sur la maro, kiu tajde ekŝvelas, tiu ĉi birdego komencas alflugi al la Suda Maro, la Ĉiela Lago.

En *Qi Xie*, kolekto de mirindaj rakontoj, estas dirite: “Kiam la *peng*-o ekflugas al la Suda Maro, ĝi frapas per la flugiloj la akvon, kiu ŝprucas foren je tri mil lioj. Ĝi suprenflugas sur kirlovento al la alteco de naŭdek mil lioj. Ĝi forflugas en la sesa monato, kiam blovas la ventego.”

La aermasoj estas similaj al galopantaj ĉevaloj; la polveroj kaj mikrobaj vivaĵoj, kiuj

estas portataj en la aero, flosas pelate de la ventospirado. La ĉielo sin montras blua. Sed oni ne scias, ĉu la lazuro estas la propra koloro de la ĉielo, aŭ nur la rezulto de la senfina alteco. Kiam la *peng*-o rigardas malsupren, certe la sama vidaĵo sin prezentas al ĝiaj okuloj.

Se akvomaso ne akumuliĝas sufiĉe profunda, ĝi ne povas porti grandan ŝipon. Verŝu tason da akvo en malgrandan kavon, kaj pajlero povos veturi tie kiel ŝipo. Provu flosigi la tason, kaj ĝi gluiĝos en la kavo, ĉar la akvo estas malprofunda kaj la "ŝipo" estas tro granda. Simile, se la vento ne estas sufiĉe forta, ĝi ne povas porti grandajn flugilojn. Tial, kiam la *peng*-o suprenflugas al la alteco de naŭdek mil lioj, ĝi devas havi fortan venton sub si kiel sian subportanton. Kaj nur tiam, kun la blua ĉielo supre, sen ia ajn baro sur la vojo, rajdante sur la vento, ĝi komencas vojaĝi al la sudo.

Cikado kaj juna turto mokridis la *peng*-on, dirante: "Ni tutforte flugas supren ĝis ni eksidas sur ulmo aŭ santalo por ripozo. Se iafoje, ni ne povas atingi ĝin, ni simple falas sur la teron. Kial do nepre flugi supren al la alteco de naŭdek mil lioj por vojaĝi suden?"

Tiu, kiu faras ekskurson al la verda kamparo ĉirkaŭ la urbo, kunportante kun si nutraĵon sufiĉan por tri manĝoj de unu tago, revenas kun sia stomako tiel plena, kiel li ekiris. Tiu, kiu vojaĝas cent liojn, devas provizi sin per nutraĵo sufiĉa por nokta halto. Kaj tiu, kiu vojaĝas mil liojn, devas provizi sin per nutraĵo por tri monatoj. Kiel do tiuj ĉi du bestetoj povus scii pri ĉio ĉi tio?

La malgranda sciado estas malsupera al la granda; la mallonga vivdaŭro ne povas esti egala al la longa. Kiel do oni ekscias, ke tiel estas? La fungo, kiu ekkreskas en la mateno kaj mortas antaŭ la vesperiĝo, ne konas la alternon de nokto kaj tago, nek la cikado la alternon de printempo kaj aŭtuno. Tiuj ĉi estas du ekzemploj de mallonga vivdaŭro. En la nordo de la regno Chu troviĝas mirakla testudo, por kiu ĉiu printempo aŭ aŭtuno daŭras 500 jarojn; en la pratempo kreskis granda ĉina cedrelo, por kiu ĉiu printempo aŭ aŭtuno daŭris 8,000 jarojn. Tiuj ĉi estas du ekzemploj de longa vivdaŭro. Kaj Pengzu, kiu vivis pli ol 700 jarojn, nun ankoraŭ restas fama pro sia unika longviveco. Se ĉiuj volus egaligi sin al li, ĉu tio ne estus veinda?

La dialogo inter Tang kaj Ji enhavas la saman ideon.

Tang, la unua reĝo de la dinastio Shang, iam metis demandon al sia ministro Ji, dirante: "Ĉu ekzistas limoj al la supro kaj la malsupro, al la nordo kaj la sudo, al la oriento kaj la okcidento?"

Ji respondis: "Ekzistas limoj trans limoj. En la malproksima kaj malfekunda nordo etendiĝas maro, la Ĉiela Lago. En ĝi troviĝas fiŝo nomata *kun*-o, kiu estas larĝa je miloj da lioj kaj longa je oni ne scias kiom da lioj. Tie troviĝas ankaŭ birdo nomata *peng*-o kies dorso estas kiel la alta monto Tai kaj kies flugiloj estas kiel nuboj pendantaj de la ĉielo. Suprenfluginte sur kirlovento al la alteco de naŭdek mil lioj, la *peng*-o, alte super la nuboj kaj atmosfero kaj kontraŭ la blua ĉielo, direktas sian flugadon suden kaj plu flugas al la maro.

"Koturno en marĉo mokridis la *peng*-on, dirante: 'Kien do ĝi vojaĝas? Mi eksaltas supren kaj apenaŭ mi atingas la altecon de dekoj da futoj antaŭ ol mi ree falas. Mi povas flugadas nur inter la fragmitoj. Tio ja estas la pleja alteco atingita de mia flugado. Kaj kien do la birdego intencas vojaĝi?'"

Tia estas la diferenco inter la malgrandeco kaj la grandeco.

Iuj havas inteligentecon sufiĉan por la devoj de ia ofico. Aliaj, per sia bonkonduteco, povas servi kiel ekzemplo al unu distrikto, por ĝin harmoniigi. Ankoraŭ aliaj posedas la virton de princo kaj imponas al la tuta popolo de unu regno. Ili havas tro altan opinion pri si

mem, same kiel la cikado, la turto aŭ la koturno fieras pri si mem.

Tamen la filozofo Song Rongzi mokridis ilin, ĉar li mem ne sentis sin flatata tiam, kiam la tuta mondo laŭdis lin, nek sentis sin senkuraĝigita tiam, kiam la tuta mondo riproĉis lin. Li povis diferencigi la internan de la ekstera; li povis fari distingon inter la honoro kaj malhonoro. Jen ĉio, kion li povis fari. Kvankam li enmiksis sin en neniajn vulgarajn aferojn de la mondo, tamen li havis ion ankoraŭ pli altan neatingita.

Iam Liezi povis rajdi sur la vento en libera kaj facila maniero. Iafoje li tiele vojaĝadis kaj revenis al sia loko post 15 tagoj. Li neniam enmiksis sin en la ĉasadon de mondaj feliĉaĵoj, sed, kvankam li povis liberigi sin de la piedirado, tamen li devis dependi ankoraŭ de io.

Kaj tamen ni supozu, ke ekzistas iu, kiu povas adaptiĝi al la veraj leĝoj de la universo kaj regi la ŝanĝiĝadon de la ses elementoj (t.e. jin-o, jang-o, vento, pluvo, mallumo kaj lumo), por vojaĝi en la senlima spacego. Kaj de kio do li devas dependi?

Kaj tial oni diras: “La perfekta homo havas nenian memon; la sankta homo havas nenian meriton; la saĝa homo havas nenian nomon.”



*Esperantigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



# Lupo kaj ŝafido

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Soife
ŝafid’ al rojo
iras trinki la akvon
klare puran kun ĝojo
sur streta vojo.

Subite
jen renkontas ŝi
la lupon tre mizere
kiu serĉas kun mani’
manĝon tie ĉi.

Ŝafidon
vidas avide
li kun streĉaj okuloj
kaj paŝas malrapide
al ŝi decide.

Per pretekst’
kaj mava rimed’
li volas formanĝi ŝin
por malsata ventr’ sen ced’
al la povra pred’.

Li krias:
“Vi malplezura
fripono, kial faras
vi la akvon malpura
per kirlo nura.

Mi volas
severe pune
deŝiros vian kapon

trinkos sangon subsune
jen ĝuste nune.”

La ŝafid’
nun diras pete:
“Se vi lupreĝ’ permesas,
mi ja trinkos kviete
for de vi prete



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

malsupre
de la rivero.
Certe ne malpurigos
mi akvon kun sincero
kaj kun leĝero.”

Li sakras:
“Demono vere
vi ’tas. Kiel aŭdaca
vi kondutas, cetere,
kaj malsincere.

Ha, mi jam
memoras klare,
ke vi diris lastjare
krudajn vortojn malŝpare
kaj tenemare.”

“Pardonon,”
diris kuraĝe
la ŝafido konvinke,
“Ne unujaras aĝe
mi, nur malsaĝe.”

“Do certe
ja via frato
faris tion laŭvole.
Ne alvenu kompato.
Jen via fato!”

Ŝi diras,
“Ne fraton havas
mi kaj vere ne kulpas.
Via diro ne pravas,
l’ intenco mavas.”

La lupo
ja hurlas krie:
“Malgraŭe vi ja kulpas,
ĉar mi malsatas plie
jam senracie.”

Dirante
li ŝin tiras
en la densan arbaron
kaj forte ŝin disŝiras
ŝmace elspiras.

*adaptita el fabloj de Krilov*

**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Infanaj friponaĵoj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Infanoj
ridas okule,
per larĝa rido sendas
sunsalutojn etule,
de lipangule.

Biskvitojn
vi ĉi-matene
po du en buŝon metis
ambaŭmane, ĉi jene.
Finmaĉis pene.

Fripone
ekridetis vi
pro mia troa timo.
Nu gustumu, panjo, vi!
Ja, ĵus knedis mi.

Hieraŭ
mi serĉis vane
la kajeron helbluan.
Flustris vi, ridosane
Mi? Propra mane?

Hundido
venis donace.
Estis ĝi tre ŝatata.
Ve, forkuris ĝi pace,
Ploris vi lace.



## Aŭtuna elegio

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Folioj
lulantaj vente
falas de sur branĉaro.
Preĝas mi duonsente
emoci-pente.

Kuŝejo
kruda betona.
Ŝanĝiĝas jarsezono.
La influo persona.
Ĝojo duona.

Migrado
de birdoj suden.
Klara aŭtuna bildo.
Vibras sonoj aeren
trans hemisferen!

Mirindaj
bildoj de kampoj .
Flavobrunaj pejzaĝoj
sur la montopaŝtejoj
kaj plataj valoj.

Dum nudas
arboj , putranta
estas foliaro.Nur
Luno mutas brilanta
vigle vaganta.



**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Magazeno

—laŭ ĉinesko Heyebei*

Bela magazeno
beno
komerca.
Per grandrabata vendo.
Mendo
apreca!

**Heyebei (Lotusfolia taso): ĉina fiksforma poemo el 6 versoj de 6,2:3;7,2;3 silaboj, laŭ rimaranĝo aab,ccb*

**Irma Gorte**

## Permesi al si superfluaĵojn

*Feliĉo estas kiam vi komprenis, ke pano, kiun vi bakis, estas pli dolĉa ol ajna torteto el sukeraĵejo.*

*Orienta saĝeco*

Mi iris laŭ mallarĝaj stratetoj de

nekonata urbo kaj kun intereso fikse rigardis vitrinojn de ekzotikaj butikoj. Ĉi tie estis ĉio! Estis memoraĵoj, bildoj de lokaj pentristoj, ajnaj diversaj manĝaĵoj, ree memoraĵoj… Nu pri kio ĉi tie mi devas skribi artikolon? Mi ne sciis. Mi ofte vojaĝas ne nur pro ripozo sed ankoraŭ pro neordinaraj, nekredeblaj historioj, pri kiuj mi volas rakonti al la legantoj.

Oho! Kio okazas? Jen estas mia ĉasaĵo. Mi ekvidis strangan bildon: simple ne kredebla amaso de virinoj. Ili amasiĝis apud enirejo de butiko kun pompa nomo, kiun mi tradukis en rusa lingvo kiel " Viroj al dolĉaĵo" aŭ "Dolĉaj viroj".

Mi ekvolis rigardi, kion oni tie vendas? Aromo de spicoj kaj vanilo kiel delikata narkotiko volvekovris kaj allogis proksimiĝi. Mi decidis aliĝi al virina socio. Dum vico malrapide moviĝis rekten, mi rigardis elirantajn el butiko kun kontenta aspekto posedantinojn de helaj skatoloj, kaj en ĉiu vizaĝo sen escepto estis rideto! Mia scivolemo, kiel ĉe ceteraj virinoj parolantaj en diversaj lingvoj, pligrandiĝis post ĉiu minuto.

Finfine mi eniris en sekreta butiko: tiu vendejo estis… sukeraĵejo! Ĉie en vitrinoj estis ĵus bakitaj, belaj kaj, juĝante laux ĉio, dolĉaj viroj. Sed virinoj, virinoj! Jen kiel! Ili gustumas, diskutas, demandas ĝuante per proceso de kontemplado de manĝeblaj viroj kaj gusto de la viroj. Estas foiro de tortetoj!

Pensoj alternis kun rapideco de fulmo: bonega ideo… Kiel estus bone, se mi intervjuos mastron (aŭ mastrinon)! Kiu estas ĉi tie senco?

Posedanto de sukeraĵejo estis interesa, jam ne juna, tre hela kaj gaja viro, kiu kun granda plezuro rakontis al mi historion, kiun mi skribis por vi.

– Mi estas sukeraĵisto, mia nomo estas Pepe, kaj mi ŝatas mian laboron! Mian sukeraĵejon vizitis diversaj homoj: feliĉaj geamatoj, kvietaj maljunuloj, gajaj amikinoj, bruaj kompanioj kaj iufoje… Jen tiu "iufoje" maltrankviligis min. Iufoje venis ĉarmaj junuloj, tre junaj, aŭ solidaj sinjorinoj. Jen venis tia sola virino, prenis iun torteton, eksidis ĉe tableto kaj, ne rimarkante guston, ne ĝuante, formanĝas la torteton sen plezuro kaj mallaŭte dankinte foriras…

Mi vidis tiun bildon preskaŭ en ĉiu tago. Mi vidis en vizaĝoj doloron, seniluziiĝon aŭ grandan malgajon. Mi malgajiĝis kun ili kaj tre volis helpi. Sed kiel? Kiel instrui al ili ĝui pro ĉiu minuto, pro ĉiu momento de vivo ne turnante atenton al malfeliĉo kaj perdo de iluzioj?

Kaj tiam al mi venis tia neatendita ideo: baki tiun iluzion ĉi tie kaj tuj. Mi decidis fari eksperimenton!

Nun en mia sukeraĵejo en vitrino vi povas vidi multon da tortetoj de vira sekso. Ĉiun torteton mi bakas kun amo kaj grandega plezuro. Mi tre volas donaci al aĉetantinoj feston de gusto kaj ĝuo. En ĉiu dolĉa peceto mi dividas mian sentadon de festo de vivo!

Rigardu, ĉarma junulino. Vi aliras al vitrino, kaj tie sur vendotablo estas grandega elekto de tortetoj! Kaj ĉiuj tortetoj estas viroj. Amataj viroj. Tiuj, kiuj ĝojigas kaj pro kiuj vi iufoje estis malgaja. Tiuj, kiuj donacas feliĉajn momentojn, sed poste seniluziigis vin aŭ ĉesis ami, pro kiuj vi ne dormas nokte aŭ ploras… Kaj jen ili estas ĉi tie, antaŭ vi. Ekrigardu, fiksrigardu, ĉu vi rekonas? Kiu el ili estas via? Ekrigardu, ĉu eble estas li? Gustumu, ne ĝenu vin!

Mi gustumis proponitan al mi torteton, kiu similas nian rusan torteton "Korbeto".

– Li estas vera mastruma viro, – Pepe daŭrigis. – Forta, sableca torso-fundamento, de supre riĉa ĉapo de aera meringelo kaj interne estas plej interesa, fruktoj-beroj, marmelado aŭ ĵeleo – ĉefa sekreto de la torteto. Sed tuj vi ne povas ekscii sekreton de lia animo. Li konstruos al vi aerajn palacojn, kiuj similas la ŝaŭman ĉapon, promesos diversajn bonojn, sed vi, naiva, kredis!

Aŭ jen ekzemple torteto "Napoleono". Li estas belegan! Multetavola, kun malfacila interna mondo. Delikatecon de lia karaktero vi ne povas distingi post unua rigardo. Kiel peneme la delikatecon estas kovrita, kiel estas saturita per dolĉa butera kremaĵo!

Jen nun rigardu "Eklero" – li estas infanisma, ofte obstina, li provis kaŝi sian veran esencon. Laŭ aspekto li estas tute glata, sed sub fortika kiraso li estas mola kaj karesema, dolĉa kaj sendefenda. Sed vi povas ekscii pri tio, nur se dismordos lin kaj neniel alie. En tio estas intereso. Gustumu lin! Kiu senco estas, se simple vidi torteton? Oni devas frandi tortetojn. Kiu senco estas, se simple rigardi viron?.. Ĉu vi komprenas, pri kio mi parolas?

*ilustraĵo de la tradukinto*

Verŝajne mi ne sukcesis kompreni ĉiujn liajn vortojn, sed min gajigis tuta tiu miraklo-gustumado, mem inspirplena sukeraĵisto kaj lia eksperimenta prezento, kiu, kiel mi komprenis, havis grandegan sukceson en la negranda kuracloka urbeto.

– Tiuj tortetoj estas tipaj viraj karakteroj, oni sen ĝeno povas dismordi kaj gustumi ilin, kaj ofte ilin rekonas post unua rigardo. Sed estas la aliaj: pli la scivoligantaj kaj la tentantaj – Ĉerizo kun konjako, Ananasoj en ĉampano, La Migdala, La Manga-Papava kun likvoro kaj ankaŭ iuj pli malsimplaj kun marcipanaj ornamaĵoj. Gustumu, elektu, ĝuu! Kaj nepre skribu pri mi en Rusio! Mi invitas al mia sukeraĵejo ĉiujn dezirantojn!

– Vi estas bravulo kaj granda originalulo, estimata Pepe! Dankon, mi estas feliĉa, ke mi vizitis la butikon, ĉi tie estas tiom bonaj emocioj! – ni adiaŭis jam kiel bonaj amikoj. Kaj vendo per sukeraĵoj daŭris.

Admirinta pro gustumado de kuirataj ĉefverkoj mi iris al mia hotelo. Miaj pensoj nun similis ridantajn sunajn leporojn, kiuj saltas tie kaj ĉie sur ondoj de bona humoro. Mi pensis pri tio, ke de infanaĝo mi mem ŝatas kuiri torteton "Terpomo" kaj ĝui ĝian simplan guston. Laŭ historio, kiun rakontis Pepe, tiu torteto estas plej ĝusta portreto de honesta kaj nobla viro! Ekstere li estas tia kiel interne. Li estas konstanta. Kaj en tio estas lia esenco kaj mia feliĉo.

Certe sukeraĵo de Pepe estas kun superfluaĵoj. Sed iufoje… Permeso al si de multo de ekzotikaj sukeraĵoj per unu fojo helpas pli multe ŝati tion simplan, kio estas en vivo en ĉiu tago.

*Esperantigis*

**Igorj Ĥomjakov**

**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_